# Aŭstraliaj Esperantistoj

Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 06/12/2014 Cent naŭdek kvara eldono 06/12/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else



SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon ABC nova

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

Pasintaj numeroj de 'A E' http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

## 48. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

LA VERBO KAJ LA AGO EN SIAJ DIVERSAJ ROLOJ.



Kiel ni vidis en lecionetoj 35 kaj 36, la verbo indikas la agon vidata laŭ diversaj direktoj, kiujn oni nomas la voĉoj. Se oni rigardas unue la aganton, post tio la agon, kaj post tio la objekton kaj aliajn informojn, tiu direkto nomiĝas la aktiva voĉo. Se oni rigardas unue la objekton de la ago, post tio la agon¸ kaj post tio la aliajn informojn, inter kiuj eble la originan aganton, oni nomas tiun direkton la pasiva voĉo.Se oni rigardas ree el de la objekto returnen, sen vidi kiu aŭ kio estas la aganto, oni nomas la direkton la mediala voĉo. Kaj se oni vidas alian aganton kaŭzi la originan disvolviĝon de la ago el la aganto ĝis la fino, oni nomas tion la faktitiva voĉo. Oni distingas la kvar per certaj iuj sufiksoj. La medialo kaj la pasivo okazas principe nur ĉe transitivaj verboj.

La verbo krome povas esprimi,ĉu la propozicio diras fakton, aŭ plenumendan deziron, aŭ nur imagon. La lasta ĝenerale en formo de nereala kondiĉo ĉe nereala rezulto. Oni nomas tian dividon la modoj. Ni klarigos ĉi tiujn venontlecione.

Kaj fine la ago povas esprimati pure kiel verbo, ekz. "Li dormas", aŭ kiel abstraktaĵo, ekz. "la manĝ(ad)o", aŭ kiel karakterigo, ekz. "manĝa, manĝata". Tion oni nomas la modaloj. Aŭ ĝi povas esprimati kiel aspekto, per adjektivo aŭ adverbo.

Marcel Leereveld.

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !** Vidu paĝojn 6, 7, 8. AE 193.

## Anonco pri la kongreso/somerlernejo.

Tiuj kiuj intencas preni parton en la januara evento kaj ankoraŭ ne aliĝis, bonvolu sendi vian aliĝilon per nia retpaĝo aea.esperanto.org.au aŭ per posto al nia postkesto C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001 **antaŭ 12a de Decembro**.

Internacia Domo bezonas tiun informon por ke la aranĝoj de la loĝlokoj estu pretaj.

Multajn dankojn

Heather Heldzingen por AEA

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Zamenhofa Festa informo.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto-Domo Sidnejo Dimanĉon la 14an de decembro



Pordoj malfermiĝos je 11atm, manĝo ktp ĝis 1ptm. Sin-prezentaj paroletoj (malpli ol unu minutaj) de ĉiuj? Poste 3 volontuloj parolos en Esperanto pri interesaj temoj dum 10 ĝis 15 minutoj. Naskiĝtagkukoj, pli da manĝo, trinkado, interamikaj konversacioj, renkontiĝoj kun malnovaj kaj novaj amikoj. Finiĝos ĉirkaŭ 4 ptm.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Esperanto-Federacio de Viktorio

Invitas vin al nia "Zamenhofa Festo"6.30 ptm, Sabato 13a Decembro 2014 Ĉe la "Melbourne Unitarian Peace Memorial Church" 110 Grey Street, East Melbourne Ĝuu vesperon de muziko, kantoj, parolado, kaj aliaj distraĵoj.

Bonvolu alporti pladon. Ni esperas ke vi celebros kun ni

# La Adelajda Esperanto-klubo.

Kiel kutime en Adelajdo, ni festis la grandan okazon ĉe Indrani, 71 Hindmarsh Circuit, Mawson Lakes, sabaton la 6-an de decembro, je la 16-a horo.

Informo el „Tamen Plu“



## La Esperanto-Doma Gastdormejo. Estontaj gastoj

Indrani BeharryLall el S.Aŭs. alvenos Dec.30 kaj foriros aŭ Jan.1 aŭ Jan.2,
Ilia Dewi el Indonezio je la 29a de decembro kaj restos ĝis la 1a de Januaro.
Jesa (Hyon-suk) Entute 4 koreinoj restos ekde la 13-a ĝis la 19-a de januaro.



# Esperanto-Domo Sidnejo

Merkredon la 3an de dec Roger Springer laboris en la korto kaj domo, Margaret Chaldecott laboris farante ĝeneralajn oficejajn/domajn laborojn kaj Ian Wylles laboris ĉe la ĝardeno kaj en la arĥiva ĉambro.

## La pasinta aferkunveno okazis je dimanĉo la 30an de Novembro.

La 15 minutajn programojn estris Volo Gueltling “La historio de lia esperantiĝo“ - Gerry Phelan „Klimata ŝanĝo“ - Roger Springer „Retradio“. Estis sukcesa kunveno. Venis 14 homoj. Roger kaj Mei Springer, Gerry Phelan, Robert Bain, Margaret Chaldecott, Dmitry Lushnikov, Jano Wylles, Liza Maitinho, Pedro Abreu, Neville Aubrey, Volo Gueltling, Nicole Else, Jonathan Cooper, Richard Delamore.



La nuna strukturo de la EFNSKaj kunvenoj estas tre sukcesa kaj interesa.

Du hora aferkunveno angle, unu hora manĝperiodo, tri 15 minutaj prelegoj/diskutoj Esperante. Poste estis kafo kaj pli da manĝo ĝis oni hejmen iros. Amikema etoso. Mallongaj prelegoj ne havas tempon enuigi la ĉeestantojn aŭ timigi la prelegantojn. Sendu viajn temojn al mi. Ne gravas se vi fuŝos iomete. Ĉiuj helpos vin se vi erare parolas. Uzu nian lingvon.

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789     C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venonta Skype estrarkunveno okazos ĵaŭdon, la 11-an de dec, je la 19:00 (18:30)

## La Teo Kiu Venigas Amatinon




Jen bela video pri duo kaj amo!

Amike

Betty Chatterjee

http://youtu.be/BYm0mWJgED0

Ĉi tiu videaĵo estis farita por partopreni konkurson de Ĉina Radio Internacia, kies temo estis "Teo Kaj Amo".

## La ŝlosila libreto celas propogandi Esperanton.




Ĉu vi havas pli bonan metodon por rapide klarigi pri Esperanto al ne-Esperantisto?

Roger Springer

## Ĉirkaŭ 40 Aŭstralianoj aliĝis al Lernu.

Dum Oktobro kaj Novembro ĉirkaŭ 40 Aŭstralianoj aliĝis al Lernu. Kiel kutime, mi sendadas retmesaĝojn ofertante la novaĵleteron.



Problemo estas ke tre malmultaj mesaĝoj estas malfermitaj. Kiel oni povus sciigi la novajn studentojn de Lernu ke ili ricevis mesaĝojn ? Mi jam skribis pri tio en Lernu forumoj.. ne sufiĉas.

Ĉion bonan, Hetinjo. (Henriette)



## Gratulojn al Marcel kiu atingis sian 97an naskiĝdatrevenon.



La Melburnaj Esperantistoj gratulas Marcel kiu atingis 97 jarojn, la 4an de Decembro 2014. Li restas en bona sano kaj daŭre verkas artikolojn por Aŭstralia Esperantisto , 3ZZZ prezentadoj kaj ĉiu semajne vigle gvidas niajn lundajn kunvenojn. Ni esperas ke por multaj pliaj jaroj li daŭrigos inspiri nian entuziasmon kaj ankaŭ plibonigi la nivelon de nia bela lingvo!
Melburna Esperanto klubo.

## *Gratulojn al Eunice Graham kiu atingis sian 96an naskiĝdatrevenon.*

La Manlia klubo, la EFNSK kaj ni ĉiuj gratulas Eunice, nian bonan amikon kaj klubanon, kiu atingos 96 jarojn, la 16an de Decembro 2014.







## ESPERANTO OFICIALE FARIĜIS NEMATERIA KULTURA HEREDAĴO DE POLLANDO



La 20-an de novembro prof. Małgorzata Omilanowska, la pola ministro pri kulturo kaj nacia heredaĵo, aprobis lokigon de la lingvo Esperanto sur la "Polan liston de nemateria kultura heredaĵo".

Tio estas rezulto de klopodoj iniciatitaj de Edmund Wittbrodt, membro de la pola senato, kaj s-ro Kazimierz Krzyżak, estrarano de la Pola Asocio Eŭropo-Demokratio-Esperanto (EDE-PL).

La nuna sukceso estas bazo, antaŭkondiĉo por proponi al UNESKO enlistigi Esperanton sur la "Reprezentan liston de nemateria kultura heredaĵo de la homaro".

Gratulon al la pola sekcio de EDE! **Lingvo-Studio, L.S.**
**www.eventoj.hu**

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj<br>**Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj** | Vidu AE184 | Vidu AE185 | Vidu AE186 | Vidu AE187 | Vidu AE188 | Vidu AE189 | Vidu AE190 | Vidu AE191 | Vidu AE192 | Vidu AE193 | Vidu AE194 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **AEA informas** | | AE185 | | AE187 | | AE189 | | AE191 | | AE193 | AE194 |
| **Brisbana Esperanto-Societo** | | | | | | | | | | | |
| **Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | | | | |
| **Centra-Marborda Esperanto-Klubo** | | AE185 | AE186 | AE187 | | | | AE191 | | | |
| **Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio** | AE184 | AE185 | | AE187 | | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 | AE193 | AE194 |
| **Esperanto en Sudaŭstralio** | AE184 | | | | | AE189 | | AE191 | | | |
| **Esperanto-Federacio de Viktorio** | | | | | | | | | | | |
| **Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero** | | | | | | | | | | | |
| **Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio** | | | | | | | | | AE192 | | |
| **Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia** | | | | AE187 | | | | | AE192 | | |
| **Manlia Esperanto-Klubo** | AE184 | AE185 | AE186 | | AE188 | | AE190 | | AE192 | | AE194 |
| **Melburna Esperanto-Asocio** | | | AE186 | | AE188 | AE189 | | AE191 | | | AE194 |
| **Melburna "Meetup" Grupo** | | AE185 | | | | | | | | | |
| **Tasmania Esperanta Societo** | | | | | | | | | | | |
| **Toowoomba Esperanto-Societo** | | | | | | | | | | | |
| **Torkia Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | | | | |

**Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au**

**Sendu informon pri via klubo**

Estigu parto de la estonta historio de Esperanto ĉe Aŭstralio

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Esperanto-filmindustrio



Mi estas Riĉardo Delamore, mi estas Aŭstralia Esperantisto kiu prilaboras la retejon www.actingaustralia.com.au/eo/

Pro kialoj malkonataj al mi, mi devas peti ke homoj reabonu al mia ret-adresaro (http://eepurl.com/4kzWr) se ili volas daŭre ricevi miajn retpoŝtojn. Ĉiuj retpoŝtoj temas pri la Esperanto-filmindustrio. Vi povas legi kelkajn el miaj artikoloj sube:

La Ses Plej Bone Faritaj Filmoj kaj Muzikvideoj en Esperantujo de 2014

http://www.actingaustralia.com.au/eo/la-ses-plej-bone-faritaj-filmoj-kaj-muzikvideoj-en-esperantujo-de-2014/

Robert Poort | Intervjuo Kun Robert Poort, la Asociita Produktoro de Esperanto-TV

http://www.actingaustralia.com.au/eo/robert-poort-intervjuo-kun-robert-poort/

Televido | La Estonto de Esperanto-TV

http://www.actingaustralia.com.au/eo/televido-la-estonto-de-esperanto-tv/

Do, se vi volas estontece ricevi miajn retpoŝtojn iru al kaj abonu:
http://eepurl.com/4kzWr

Esperanto-TV [www.esperantotv.net], la sola IPTV-kanalo de la mondo, en la internacia lingvo Esperanto, ĝojas anonci, ke ni sukcesis konvinki Tim Lea, reĝisoron de la nova filmo “54 Tagojn” (angle: 54 Days), subtekstigi lian verkon per Esperanto.
“54 Tagojn” estas aŭstralia, amas-financita, sendependa, longdaŭra filmo, kreita de “54 Days Productions”. Ĝi estas unu el la film-serioj eldonataj/otaj de “54 Days Productions”—ĉiu filmo temas pri aferoj polemikaj, emociplenaj, diskutigaj, kaj kutime netuŝitaj."54 Tagojn" temas pri kvin homoj enŝlosiĝitaj en 1960-a bunkero post nuklea kaj biologia atako. Kiam manĝaĵo kaj akvo komencas elcerpiĝi, la grupo frontas teruran decidon…
“Unu el ili devas morti aŭ ĉiuj mortos”

**Tim:**
“54 Tagojn forigas la kroman bagaĝon de la moderna socio, kaj koncentriĝas je la plej kerna homa instinkto; t.e. individua travivado kaj kion oni pretas fari kaptite en vivodanĝera situacio. Niaj herooj devas superregi siajn timojn kaj kuniĝi por travivi. Tamen, historio montras plurfoje, ke travivado surfacigas la plej bonajn kaj malbonajn trajtojn de la homo; ĝi disigas la komunumon al individuo, kaj rigardigas al li kion li vere estas. “54 Tagoj” estas kaj rakonto kaj demando; kion ni pretus fari por travivi kaj kion ni pretus perdi?”

Ĉi tiu filmo debutos kun Esperanto-subtekstoj la 18-an de Januaro 2015 nur ĉe Esperanto-TV [www.esperantotv.net kaj www.facebook.com/laEsperantoTV]. La reĝisoro tre intresiĝas pri la nova, rapide kreskanta Esperanto-filmindustrio. Tim diras “Por ke lingvo estu internacia kaj uzata de ĉiuj, ĝi devas havi fortan filmindustrion kun altkvalitaj filmoj. Tial, mi sentas min devigita subtekstigi ‘54 Tagojn’ per la lingvo internacia”
Do, eĉ se la temo de ĉi tiu filmo ne plaĉas al vi, helpu Esperanto-TV-on disvastigi informon pri ĝi!
Vi povas spekti la antaŭfilmon ĉe: http://goo.gl/PvvHPT

Pli da artikoloj ĉe: www.actingaustralia.com.au/eo/

